

KVARMONATA, KULTURA KAJ MOVADA REVUO

# La LAMPIRO

50-a jaro n-ro 125 2009

# Centjara jubileo de Ivo Lapenna

# La LAMPIRO

50-A JARO N-RO 125 2009

*Oficiala Organo de EASP (Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**ĈEFREDAKTORO:**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 2791-6420

**REVIZIANTOJ:**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**KOMPOSTADO KAJ GRAFIKARANĜO:**
José Roberto Tenório

**ABONU "LA LAMPIRO"-N!**
Brazila abontarifo por 2009: R$ 25,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*



# EASP

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

*Fondita en la 29-a de Marto 1937*

**www.easp.org.br**

**PROPRA SIDEJO:**
Rua Faustolo, 124 - Lapa
05041-000 São Paulo - SP - Brazilo
**Telefono-fakso:** +55 (0 xx11) 3862-1183
**Retadreso:** contato@easp.org.br

**ESTRARO:**
**Prezidanto:** Genildo Martins Coelho
**Vic-Prezidanto:** Francisca Martos
**1a Sekretario:** José Roberto Tenório
**2a Sekretario:** Aparecida de Lurdes de Lucas
**1a Kasisto:** José Martins Coelho
**2a Kasisto:** Joel Afonso Francisco
**Propaganda Direktoro:** Arnaldo A. Oliveira

**KONSILANTAJ MEMBROJ:**
Maria Pozder Almada, Alonso Bezerra Lima
Paula Cristina Medve Zulques

**Anstataŭantoj:**
D-roj Floriano Pessoa Filho/Paulo Sergio Viana

**ALIĜU AL EASP!**

**Membro-kategorioj** (monate):

Kat. 1 (Simpla membro)................R$ 10,00
Kat. 2 (Kunlaboranta Membro).....R$ 12,00
Kat. 3 (Helpanta Membro)............R$ 17,00
Kat. 4 (Subtenanta Membro).........R$ 22,00
Kat. 5 (Nur por ŝtatinternanoj)* R$ 5,00/3,00
Kat. 6 (Aliĝinta Asocio)...............R$ 20,00 jare

- Jara antaŭpago (R$ 102): ...........15% rabate
- Sesmonata antaŭpago (R$ 54): ....10% rabate

***Por ĉiuj, kiuj ne loĝas en la regiono "Granda San-Paŭlo"***

**DEĴORADO KAJ BIBLIOTEKO "GILBERT KAJ SYMILDE LEDON":**
De lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 18-a horo.


# Enhavo



## KAJERO "MOVIMENTO"



**KOVRILBILDO:**
Prof. d-ro Ivo Lapenna - fotisto: Torben Kehlet
Fonto: http://www.ivolapenna.org/fotoj.htm

# Enkonduko

KARAJ LEGANTOJ

Jen vi havas en viaj manoj la lastan ĉi-jaran numeron de La Lampiro.

En ĝi vi legos tre interesajn artikolojn. Mi atentigas al tiuj , kiuj deziras bone regi la la lingvon, atente legi la artikolon LA NOVA MODO: -UJO verkitan de la grava esperantistino Anna Löwenstein. En la teksto ŝi defendas la uzon de la sufikso UJO por difini landnomojn.

El Hispanujo venas interesa artikolo verkita de Toño Del Barrio, ILI PRESKAŬ EKLOĜIS EN BRAZILO, en kiu li rakontas la travivaĵojn de hispana paro, kiu vojaĝas al Sudameriko forkurante de la persekutoj okazintaj dum la intercivitana hispana milito.

Koncerne la aliajn legaĵojn, legante ilin, vi mem prijuĝu ilin.

Ĉar ni estas en la jarfino, ni kore dankas al ĉiuj, kiuj helpis al EASP dum la kuranta jaro, nome nia membraro pro ĝia konstanta apogo al la estraro, al la instruistoj kaj deĵorantoj pro la funkciado de nia sidejo, al la prelegintoj de kulturkunvenoj kaj kongresoj, same kiel al ĉiuj kunlaborantoj de La Lampiro.

Specialan dankon al Bauru Esperanto-Societo, kiu brilege organizis la 4an Kongreson de Esperanto de Ŝtato San-Paŭlo.

GAJAN KRISTNASKON KAJ PROSPERAN NOVJARON

La redaktoro

## GRAVAJ SCIIGOJ

1- Pro la jarfina libertempo, ne okazos deĵorado en la sidejo de EASP de la 21-a de Decembro ĝis la 11-a de Januaro.

2- La 27an de la venonta februaro okazos **ĝenerala asembleo** por elekto de nova estraro de EASP. Laŭstatute, la limdato por prezentado de kandidatigo estas la 15-a de Januaro 2010.

# Altnivela Kongreso



**Paulo Sérgio Viana**
*Lorena/SP*

De la 10 ĝis la 12-a de oktobro 2009 okazis en la urbo Bauru/SP altnivela ŝtata kongreso, kun la ĉeftemo "Mediprotektado: unuopa kontribuo, kolektiva ĝuo". Sub la aŭspicio de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj Esperanto-Societo de Bauru, kun altvalora apogo de Eldonejo Oportuno kaj "Centro Hermes de Educação Superior" (kies direktoro, S-ino Dina L. Andreani, estas aktiva loka Esperantistino kaj pendigis imponan afiŝon kun la foto de Zamenhof sur muron de sia laborĉambro), la 4ªn Ŝtatan Kongreson partoprenis ĉirkaŭ 110 gesamideanoj el ses brazilaj ŝtatoj. La solena malfermo okazis ĉe Domo de Advokatoj, kun la ĉeesto de reprezentanto de la Urba Konsilantaro kaj la Urbestro, S-ro Rodrigo A.A. Mendonça, kiu paroladis pri la temo "Mediprotektado". Post la malfermo, oni aŭskultis gitarkoncerton kaj kortuŝan prezenton de junula koruso UNIMED, kiu ravis la publikon.

Dum la tutaj sekvaj tagoj, dum konstante funkciadis bona libroservo kaj budoj por vendado de Esperanto-ĉemizoj, la kongresanoj povis elekti inter fulma kurso de Esperanto kaj pluraj klerigaj prelegoj: "Rankontoj de Machado de Assis" (F.S.Wechsler), "Meteologio: bazaj principoj pri vetero kaj klimato" (Eni A. Oliveira), "Kiel Diri?..." (P.S.Viana), "Kuriozaĵoj pri la tupia lingvo" (Osmar S Alves), "Iom pri Mnemoniko" (Rogério F. Santos), "Meditado: bazaj principoj por tuja uzado" (Elmir S. Lima), "Teorio pri Gajo, la vivanta planedo" (Luiz G.S.Jardim), "La homo kaj la rido" (J.M.Progiante), "Sukcesa enrigardo en molekulojn – la brazila sinkrotono" (J. Piton), "La Esearo de Waringhien" (F.Pessoa), "Vortaroj kaj lingvo" (G.Mattos) kaj "Internacia Amikeco" (Isis O. Piton). Junulo Alexandre Prado prelegis por neesperantista publiko. Antaŭ la fermo de la kongreso, sub gvidado de J.M. Progiante, la kongresanoj vigle diskutis pri la temo de la kongreso, kun emfazo pri la komunaj trajtoj de la Esperantomovado kaj la Mediprotekta Movado. Laŭdinda iniciato de la organizantoj estis livero de kajero al ĉiuj enskribiĝintoj, kun la tekstoj de ĉiuj prelegoj. Ekster la programo, oni havis la eblecon spekti partoprenon de S-ro José S.Simas en la virtuala komunumo "Dua Vivo". Cetere, la luksa kongresejo disponigis senpagajn komputilojn kaj projekciilojn en ĉiuj ĉambroj, kun libera aliro al interreto. Je la dimanĉa vespero oni ĉeestis artajn prezentojn: kantojn, deklamadon kaj orientajn dancojn.

Dum la ferma kunsido oni spektis belan filmon pri la urbo Bauru kaj omaĝis S-inon Dina L Andreani. Oni krome omaĝis ĵus forpasintajn gesamideanojn Maria Almada kaj Sylla Chaves – kaj la pioniron Ivon Barbosa, kiu longe aktivis en ĉi tiu urbo. Oni elektis la urbon Piracicaba por la 5ª Ŝtata Kongreso en San-Paŭlo. Ni partoprenu amase!

Varman gratulon al la organizintoj!



# Dirite kaj farite

*Aŭtoro:* **Fernando Sabino**

Esperantigis:
**Fernando J.G. Marinho**
*Rio de Janeiro/RJ*

Fakte, nur Alfredo kapablas krei ( aŭ rekrei) historieton, kiel tiun de la interlanda junulo kaj lia hundo Tiçâo (prononcu: Tisaŭn´)

Lasu, ke Alfredo parolu:

Kiel loĝanto de interlanda urbo, la junulo tiel insistegis, ke li finfine sukcesis konvinki la patron sendi lin por studi en la ĉefurbo. La maljunulo arigis kelkajn ŝparojn, kaj donante sian benon adiaŭis la filon.

Enpoŝiginte la moneton, la knabo iris direkte al la urbaj alogaĵoj, kunportante sian hundon Tiçâo.

Alveninte tie li tute ne volis studi, ĉar li tuj rimarkis, ke la kolegaro de la fakultato emis nenion fari. Li aliĝis al kartludantaro, kaj tuj sekve perdis sian tutan monon en vetludado.

Do, li skribis leteron al sia patro, transdonante nekredeblan novaĵon: en la fakultato estas kurso por hundoj kaj Tiçâo eklernas paroli. Tamen, ĉar la kurso estas multekosta, pli da mono fariĝos necesa.

La patro, surprizita, elpurigis la fundon de la monujo kaj sendis la petitan monon, konvinkita pri la grandioza investo: hundo parolanta!

Sed tiu nova senditaĵo havis la saman finon: kiel ĝi alvenis, tiel ĝi foriris, malŝpareme uzita en ludoj kaj orgioj. Kaj la knabo denove skribas al la patro: tiçâo belege paroladas. Kaj nun ĝi lernas legi! Sed, mi bezonos pli da mono.

La patro ankoraŭ ĉi-foje alvokante la amikojn kaj najbarojn, kiuj jam sciis pri la mirindaĵo, sukcesis kolekti la monon kaj kontentigi la peton de sia filo, kiu post ne tro da tempo jam triafoje sin turnis al la sama artifiko: Tiçâo lernas la anglan lingvon.

Sed la patro, ĉi-foje, ne englutis la ruzaĵon: “ Unue, venigu al mi tiun hundon, ĉar ĉiuj arde atendas vidi ĝin parolanta almenaŭ portugale.”

Premita de manko de mono kaj antaŭ la necedemo de la patro koncerne la propran decidon, la knabo ne trovis alian solvon: eniris kun la hundo en veturilaĉon, kiun li antaŭe aĉetis kaj ekvojiris hejmen.

Tamen, lin turmentadis tiu situacio. Kion fari? La patro promesis bruan feston, kunvokante ĉiujn najbarojn, amikojn kaj konatojn, por ke ili konu Tiçâo, kies famo jam disvastiĝis tra la tuta urbo. Kiamaniere foriri el tiu malfacilaĵo?

Sin trovinte perdita, li haltigis la aŭton, prenis malnovan pistolegon, kiun li iam gajnis en ludo, trafe pafis la kompatindan hundon kaj forĵetis ĝin sur la ŝoseon.

Kiam li alvenis, antaŭ la scivolema ĉeestantaro, lia surprizita patro haste demandis:

— Nu, kie estas Tiçâo?

Kaj la filo, kun serioza mieno:

— Mia patro, mi bezonas havi privatan interparolon kun vi.

Ili sin direktis al angulo , malproksima de la oreloj de la alestantoj, kaj la filo rakontis tion, kio okazis.

— Tragedio! Imagu vi, ke kiam mi estis survoje — Tiçâo apud mi, legante revuon kaj antaŭvidante la sukceson, kiun ĝi faros

*(Daŭrigota sur paĝo 10)*

# La nova modo: ujo



**Anna Löwenstein**
*Italujo*

Kial mi insiste pludiras *Germanujo* kaj *Italujo*, kiam ĉiuj aliaj preferas *Germanio* kaj *Italio*? Nu, pro pluraj kialoj. Parte ĉar -io ŝajnas al mi stranga finaĵo, ne kongrua kun la simpleco kaj reguleco de Esperanto. Pli pri tio poste. Sed plejparte ĉar mi ne eltenas la konfuzon, kiun la finaĵo -io alportis al la landonoma sistemo en Esperanto.

Kia konfuzo? Hmm, kiel klarigi la landonoman sistemon en unu alineo? Mi jam dediĉis al tiu temo tutan libreton. Sed mi faros mian eblon klarigi rapide.



La landonomoj en Esperanto estas dividitaj en du grupoj. Unu grupo sekvas la modelon *Usono, usonano*, la alia sekvas la modelon *Britujo, brito*. Multaj esperantistoj, kompreneble, preferas uzi -io anstataŭ -ujo, kaj do diras *Britio*. La problemo estas, ke ankaŭ en la unua grupo (*Usono, usonano*), multaj landonomoj finiĝas per -io, ekzemple *Alĝerio, Aŭstralio, Namibio, Kolombio*. Do, kiam oni renkontas landonomon, kiu finiĝas per -io, kiel scii, ĉu ĝi sekvas la modelon Usono, usonano, ĉu la modelon *Britio, brito*? Tio gravas, kiam necesas formi la nomon de la landano, ĉar en la unua kazo necesas aldoni -ano al la radiko, dum en la dua necesas forigi la -i-.

Kiam la plejmulto da esperantistoj uzis la finaĵon -ujo por landonomoj de la dua grupo, ne estis problemo. Ĉiuj esperantistoj (eĉ tiuj, kiuj preferis -io) sciis, al kiu el la du grupoj landonomo apartenas, kaj do senprobleme sciis formi la nomon de la landano. Sed nun, bedaŭrinde, kiam preskaŭ ĉiuj uzas -io, la distingo inter tiuj du grupoj perdiĝis, tiel ke multaj esperantistoj ne plu komprenas kiel la sistemo funkcias; efektive iuj ne plu komprenas, ke entute ekzistas du-parta sistemo. Rezulte, oni tre ofte renkontas erarajn formojn, ekzemple *aŭstralo* aŭ *Israelio*. (Se vi ne komprenas, kial tiuj estas eraraj, bonvolu legi la pli detalan klarigon en mia libreto *Konciza klarigo pri la landonomoj en Esperanto*.)

Sed krome, la finaĵo -io kunportas plurajn aliajn problemojn. Ĉu la -i- estas sufikso? Ĝi ne similas la aliajn sufiksojn en Esperanto, kiuj normale havas la formon V+K (vokalo plus konsonanto) aŭ V+KK. Krome, ĝi kondutas iom malsame: malkiel la aliaj sufiksoj oni ne povas uzi ĝin memstare.

La vortelementoj en Esperanto normale estas kunmetitaj laŭ travidebla maniero. Ni ĉiam emfazas tiun fakton en nia reklamado: kiam ni volas konvinki la homojn lerni Esperanton, ni donas ekzemplojn kiel *mal-jun-ul-in-o* aŭ *nask-iĝ-tag-o*. Tiuj kunmetaĵoj estas facile analizeblaj kaj ĉiu elemento havas sencon. Sed kion diri pri la -i- en *Francio*? Certe ne ekzemplo, kiun ni povus uzi en nia reklamado!

Mi foje aŭdas la kritikon, ke la sufikso -uj- havas tro da signifoj en Esperanto. Nu, ĝi ja havas tri malsamajn signifojn – kaj tamen, multe malpli ol -io, kiu kondutas vere ĥameleone en Esperanto. -io foje estas uzata:

- ⇨ por la nomo de scienco, ekzemple *astronomio* aŭ *biologio*, kontraste kun la nomo de la sciencisto *astronomo* aŭ *biologo*;
- ⇨ por la nomo de ĥemia elemento, ekzemple *ejnŝtejnio*, *mendelevio* surbaze de la personaj nomoj *Ejnŝtejno*, Mendelevo;
- ⇨ por la nomo de regosistemo, ekzemple *demokratio* aŭ *monarĥio*, kontraste kun la vortoj *demokrato* kaj *monarĥo*;
- ⇨ por diversaj aliaj ismoj kaj ecoj, ekzemple *stenografio*, *pederastio* kontraste kun la vortoj *stenografo* kaj *pederasto*;
- ⇨ kiel unu el la korelativoj;
- ⇨ (sen la fina -o) kiel infinitiva finaĵo de la verbo.

Mi scias, ke multaj esperantistoj ne ŝatas -ujo pro ĝia baza signifo kiel entenujo. Kaj do? Ĉu persona ŝato aŭ malŝato rilate al iu elemento en Esperanto donas la rajton modifi la lingvon – precipe kiam tiu modifo detruas la logikon de unu el ĝiaj sistemoj? Cetere, mi mem uzas -ujo multe pli ofte en landonomoj ol en vortoj kiaj *laktujo*, *sukerujo* ktp., do mi por mi tio estas ĝia ĉefa signifo.

Aliaj esperantistoj kontraŭstaras la finaĵon -ujo pro etnismaj kialoj. Ili argumentas, ekzemple, ke ilia lando ne nomiĝu *Hispanujo*, ĉar tie loĝas ne nur hispanoj, sed ankaŭ katalunoj, eŭskoj kaj aliaj. Laŭ ili, tiu problemo malaperas, se la lando nomiĝas *Hispanio*. Ĉu vere? Al mi tio ŝajnas nura ĵonglado per vortoj, pli precize per sufiksoj: provo solvi politikan problemon per manipulado de la lingvo. Farante tion, oni neniel ŝanĝas la situacion de la katalunoj kaj eŭskoj, sed oni ja terure fuŝas la regulecon de Esperanto.

Per la uzo de -i- oni forglitas de la facila analizebleco, kiu estas ĉefa trajto de Esperanto, al nedisigeblo simila al tiu, kiu regas en la nature evoluintaj lingvoj. Certe, iuj neregulaĵoj jam ekzistas en Esperanto: pensu pri la serioj *redakti, redaktoro, redakcio*, kaj *poeto, poemo, poezio*. Tiuj tri-vortaj serioj evidente havas komunan fonton, sed la elementoj ne povas esti disigitaj; efektive la lasta konsonanto de la radiko eĉ estas modifita. Tiuj ekzemploj, bonŝance, rilatas nur al unuopaj vortoj, kaj do ne havas sekvojn por la baza funkciado de Esperanto. La situacio estas multe pli serioza, kiam tia neanalizebleco trafas tutan sistemon, t.e. la sistemon formi la landonomojn.

Mi rimarkas kun plezuro, ke -ujo komencas iometete reaperi. Interalie, unu el la estraranoj de UEA lastatempe ekuzis ĝin, konvinkite de la argumentoj en la libro *Rusoj loĝas en Rusujo*. Multaj esperantistoj efektive komprenas, ke -ujo estas pli logika ol -io, sed ili hezitas mem uzi ĝin, ĉar ili trovas ĝin "eksmoda". Nu, modoj povas ŝanĝiĝi, ĉu ne?

Se vi opinias, ke -ujo estas pli bona ol -io, kuraĝu ekuzi ĝin! Estu en la fronto de la nova modo!

Por pli da informoj pri la finaĵo -ujo, vidu:

*Rusoj loĝas en Rusujo*: *landonomoj en Esperanto*. Corsetti, Gubbins, Wennergren, de Kock, Vaha, Butler, Camacho k.a. Federazione

*(Daŭrigota sur paĝo 22)*

Lingv Gutoj

**Geraldo Mattos**
*Curitiba/PR*
www.gmverda.com.br



# Kutimaj eraroj

Mi volas nun paroli pri skribaj eraroj unue.

Jam estas tradicia skribokutimo kunigi kvazaŭ unu vorto esprimojn, kiujn Esperanto nepre rigardas kiel du vortojn:

Akrevida, altedevena, malmultekosta, multekosta, pruntedoni, pruntepreni, vivipova.

Dusilabaj ili estus tute ĝustaj: akre vida, alte devena, malmulte kosta, multe kosta, prunte doni, prunte preni, vivi pova.

Ilia prononco tamen povus esti ĉi tie iom pli longa kaj iom pli klara...

Tiujn erarojn inventis Kalocsay kaj Waringhien (1980, p.393):

III. Verba ĉefelemento povas efiki al sia flankelemento dumaniere

1. per adverbigo

2. per adjektivigo, farante ĝin, laŭ la senco, sia predikata adjektivo.

Kaj ili klarigas tion en unu el la sekvantaj paĝoj (1980, p. 401):

1. adverbo. Ekzemploj: *bonfarti* (bone-farti); [...] *pafmurdi* (pafe murdi); *inkskribi* (inke-skribi); *rondiri* (ronde-iri).

2. predikata adjektivo. Ekzemploj: *ruĝpentri* (pentri ruĝa); *plenŝtopi* (ŝtopi plena) [...] *satmanĝi* (manĝi sata); *mortpiki* (piki iun morta).

La adverbigo vojus al eraroj, se multe uzataj:

Se *bone-farti* fariĝas *bonfarti*, kial *bele konduti* ne fariĝus *belkonduti*?

Uzante ilian manieron klarigi la konsiston de la kunmetita vorto, mi proponus: Bonfarti (bona-farto-i).

La aliaj unuaj elementoj estas substantivoj:

*Pafmurdi* (murdi per pafo); *inkskribi* (skribi per inko); *rondiri* (iri en rondo).

La adjektivigo devus cedi al la substantivigo de la unua elemento:

*Ruĝpentri* (pentri per ruĝo); [...] *satmanĝi* (manĝi ĝis sato); *mortpiki* (piki per morto).

Se nun ni revenas al la unua serio kaj volas teni ilin unuvortaj, ni vidos, ke ili apartenas al la sama klaso de la vorto *bonfarti*, escepte de la tri lastaj:



# Almada ne plu inter ni


[1923 - 2009]

Forpasis la 18an de septembro 2009 la esperantistino Marija Pozder Almada, el la urbo Santos/SP, pluraj monatoj post enhospitaliĝo pro Cerbo-Vaskula Afekcio (CVA) kiun ŝi suferis en februaro ĉi-jara.

Marija Pozder Almada, plej konata kiel Maria Almada, estis vidvino de Francisco Almada, kun kiu edziniĝis en 1962. Ŝi naskiĝis en Hungario, kaj tie eklernis esperanton. En Britio, okaze de Universala Kongreso de Esperanto, ŝi konis sian edzon kaj poste transloĝiĝis al Brazilo. Ŝi kunhelpis en la gvidado de la tiama Brazila Konsilantaro de Esperanto, kies monatan informilon ŝi mem redaktis. Kiel pentristo aliĝinta al la faka delegitaro de Universala Esperanto-Asocio (UEA), ŝi fondis en 1978 la fakan organizon UALE (Universala Artista Ligo de Esperantistoj), kiu aktivis dum pli ol 20 jaroj. Ŝi estis membro de Esperanto-Asocio de Sanpaŭlo (EASP) ekde 1962, en kies estraro ŝi multfoje kaj diverspostene partoprenis laŭlonge de sia esperantista vivo. Kiel ano de la nuna estraro de EASP, ŝi rolis kiel konsilanto. Pro siaj aktivadoj favoraj al Esperanto, ŝi fariĝis honora membro de BEL (2005 ) kaj de EASP (2006).

Inter esperantistoj, Maria Almada sentis sin nek hungaro nek brazilano, sed mondcivitano. Tial ŝin tre ĝenis krokodilado, ĉefe fare de movadanoj, kiuj la unuaj devus sin prezenti kiel ekzemplon de fluaj parolantoj en la lingvo. Nenia omaĝo al ŝi do estas pli taŭga ol tio, ke ni strebu fari tion, kion ŝi inde faris dum sia tuta esperantista vivo, nome uzi Esperanton por komunikiĝi kun aliaj esperantistoj.

La estraro de EASP, nome de ĉiuj membroj, kondolencas la familianojn kaj amikojn pro la forpaso de la kara idealisto kaj disvastiganto de Esperanto.



---

Akravida (akra vido a), altadevena (alta deveno a), malmultakosta (malmulta kosto a), multakosta (multa kosto a), pruntodoni (doni per prunto), pruntopreni (preni per prunto), vivopova (pova por vivo).

Zamĉjo akordas kun pri mi du el tiuj vortoj kaj el tio mi konkludas, ke li konsentas pri mia analizo por ĉiuj el ili (apud PIV, p. 932):

Ne prenu prunte kaj ne prunte donu.

BIBLIOGRAFIO

KALOCSAY, K. kaj WARINGHIEN, G. Plena analiza gramatiko de Esperanto. Rotterdam: UEA, 1980.

WARINGHIEN, G. kaj aliaj. Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto – PIV. Sennacieca Asocio Tutmonda, 2005.



# Solidaraj pro la pordo

*Aŭtoro:*
**Luiz Fernando Veríssimo**

Esperantigis:
**Aloísio Sartorato***Rio de Janeiro/RJ*

Oni vivas en aŭtomobila civilizacio, sed malantaŭ la stirilo de aŭto la homo agas kvazaŭ li ankoraŭ loĝus en kavernoj. Antaŭ la estiĝo de la rado. Li batalas kontraŭ sia similulo pri la spaco surstrate kvazaŭ tiu estus la lasta mamuto. Utiligante la samajn timigajn taktikojn, nur hupante anstataŭ grumbli aŭ grumblante anstataŭ mordi.

La trafiko en iu ajn mondurbego estas metaforo pri la konkura vivo, kiun oni vivas, ĉiu ene de sia propra malgranda metala mondo, strebante havi avantaĝon rilate al la alia, aŭ almenaŭ strebante ne permesi esti timigata. Kaj pruvante, ke estas nenio malpli civilizita ol la propra civilizo.

Sed ekzistas ununura escepto. Malgranda signo de solidareco en la ĝangalo. Estas la ne plene fermita pordo. Kiam la flanka aŭto apudestas al la via kaj iu metas la kapon eksteren, vi prepariĝas por la plej malbona. Vi eĉ preparas la respondon. "Estas la via!" Sed vi povos havi surprizon.

Pordo nefermita!

Kion?

Vi apenaŭ kredas, ke nek vi, nek iu ajn familiano via estas ofendata.

Tute kontraŭe, la malamiko estas sincere maltrankvila pro la fakto, ke la pordo povos malfermiĝi kaj vi povos fali el la aŭto. La nefermita pordo starigas iun specon de implicita batalhalto. Ili iras malantaŭe, freneze hupante, se hazarde vi ne aŭdis la unuan averton. "Atentu pri la ne plene fermita pordo!" Estas kvazaŭ honorkodo, paŭzo inter bataloj. Se la pordo malfermiĝos kaj se vi mem falos surstraten, tiam ili tutcerte surveturigos vin. Sed ili avertis.

Tio signifas, ke ni ankoraŭ ne revenis al la besta stato.



*Daŭrigo de la paĝo 5 (Dirite kaj farite)*

ĉi-tie — neatendite, la diabla hundo fermis la revuon, turnis sin al mi kaj kun la plej granda senhonteco demandis, ĉu vi, mia patro, ankoraŭ havas tiun amaferon kun la edzino de tiu via najbara farmisto.

— Ĉu ĝi parolis tion? — balbutis la patro, malbonhumore.

— Ĝuste tiel, kiel mi rakontas al vi.

La maljunulo indignis:

— Vi ja mortigis tiun hundon, filo mia, ĉu ne vere?

— Senprokraste, mia patro! – respondis la filo

*N.T.: Ĉi tiu rakonto aperis en la ĵurnalo "Globo", la 7-an de Junio 1987, en la rubriko subskribita de Fernando Sabino, karmemora famega brazila verkisto, sub la titolo " Dito e Feito"*



Movimento
CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO
ANO 7 – Nº 22 – 2009

# Mais um congresso realizado com sucesso




Foto: Paulo S. Viana

Mais de cem esperantistas, de seis estados brasileiros, participaram do 4º Congresso Paulista de Esperanto que aconteceu na cidade de Bauru, entre os dias 10 e 12 de outubro 2009. O evento, que se desenvolveu nas dependências do moderno Centro Hermes de Educação Superior, foi organizado pela Sociedade Bauruense de Esperanto (SBE) com o auspício da Associação Paulista de Esperanto (APE). O jovem prefeito de Bauru, Exmº. Sr. Rodrigo Antônio de Agostinho Mendonça, ativista e estudioso do Meio Ambiente, além de Patrono do Congresso, foi também o principal palestrante do evento a discursar sobre o tema "Proteção do Meio Ambiente: contribuição individual, proveito coletivo", na Solenidade de Abertura que ocorreu na Casa do Advogado, onde se desenvolveram também as apresentações artísticas das duas noites do evento. Além da palestra principal, outras doze preleções de alto nível enriqueceram a programação do Congresso. Todos os congressistas receberam uma brochura com os textos de todas as palestras. Piracicaba sediará o 5º Congresso Paulista de Esperanto.

# A Serra

Eça de Queiroz



*(Compare com a tradução da página 19.)*

E começamos a trepar o caminho, que não se alisara nem se desbravara desde os tempos em que o trilhavam, com rudes sapatões ferrados, cortando de rio a monte , os Jacintos do século XIV! Logo depois de atravessarmos uma trêmula ponte de pau, sobre um riacho quebrado por pedregulhos, o meu Príncipe, com o olho de dono sùbitamente aguçado, notou a robustez e a fartura das oliveiras... – E em breve os nossos males esqueceram ante a incomparável beleza daquela serra bendita!

Com que brilho e inspiração copiosa a compusera o divino artista que faz as serras, e que tanto as cuidou, e tão ricamente as dotou, neste seu Portugal bem-amado! A grandeza igualava a graça. Para os vales, poderosamente cavados, desciam bandos de arvoredos, tão copados e redondos, de um verde tão moço, que eram como um musgo macio onde apetecia cair e rolar. Dos pendores , sobranceiros ao carreiro fragoso, largas ramarias estendiam o seu toldo amável, a que o esvoaçar leve dos pássaros sacudia a fragrância. Através dos muros seculares, que sustêm as terras liadas pelas heras, rompiam grossas raízes coleantes a que mais hera se enroscava. Em todo o torrão, de cada fenda, brotavam flores silvestres. Brancas rochas, pelas encostas, alastravam a sólida nudez do seu vem ter polido pelo vento e pelo sol; outras, vestidas de líquen e de silvados floridos, avançavam como proas de galeras enfeitadas; e, dentre as que se apinhavam nos cimos, algum casebre que para lá galgara, amachucado e torto, espreitava pelos postigos negros, sob as desgrenhadas farripas de verdura, que o vento lhe semeara nas telhas por toda a parte a água sussurrante, a água fecundante... Espertos regatinhos fugiam, rindo com os seixos, dentre as patas da égua e do burro; grossos ribeiros açodados saltavam, com fragor de pedra em pedra; fios direitos e luzidios como cordas de prata vibravam e faiscavam das alturas aos barrancos; e muita fonte, posta à beira de veredas, jorrava por uma bica, beneficamente, à espera dos homens e dos gados... Todo um cabeço por vezes era uma seara, onde um vasto carvalho ancestral, solitário, dominava como seu senhor e seu guarda. Em socalcos verdejavam laranjas recendentes. Caminhos de lages soltas circundavam fartos prados com carneiros e vacas retouçando; ou mais estreitos, entalados em muros, penetravam sob ramadas de parra espessa, numa penumbra de repouso e frescura. Trepávamos então alguma ruazinha de aldeia, dez ou doze casebres, sumidos entre figueiras,

onde se esgarçava, fugindo do lar pela telha-vã, o fumo branco e cheiroso das pinhas. Nos cerros remotos, por cima da negrura pensativa dos pinheirais, branquejavam ermidas. O ar fino e puro entrava na alma, e na alma espalhava alegria e força. Um esparso tilintar de chocalhos de guizos morria pelas quebradas...

Jacinto adiante, na sua égua ruça, murmurava:

-- Que beleza!

E eu atrás, no burro do Sancho, murmurava:

-- Que beleza!

Frescos ramos roçavam os nossos ombros com familiaridade e carinho. Por trás das sebes, carregadas de amoras, as macieiras estendidas ofereciam as sua maçãs verdes, porque as não tinham maduras. Todos os vidros de uma casa velha, com a sua cruz no topo refulgiram hospitaleiramente quando nós passamos. Muito tempo um melro nos seguiu, de azinheiro a olmo, assoviando os nossos louvores. Obrigado, irmão melro! Ramos de macieira, obrigado! Aqui vimos, aqui vimos! E sempre contigo fiquemos, serra tão acolhedora, serra de fartura e paz, serra bendita entre as serras!

Assim, vagarosamente e maravilhados, chegamos àquela avenida de faias, que sempre me encantara pela sua fidalga gravidade. Atirando uma vergastada ao burro e à égua, o nosso rapaz, com o seu podengo sobre os calcanhares, gritou: “Aqui é que estemos, meus amos!” E ao fundo das faias, com efeito, aparecia o portão da quinta de Tormes, com o seu brasão de armas, de secular granito, que o musgo retocava e mais envelhecia. Dentro já os cães ladravam com furor. E quando Jacinto, na sua suada égua, e eu atrás, no burro do Sancho, transpusemos o limiar solarengo, desceu para nós, do alto do alpendre, pela escadaria de pedra gasta, um homem nédio, rapado como um padre, sem colete, sem jaleca, acalmando os cães que se encarniçavam contra meu Príncipe. Era o Melchior, o caseiro... Apenas me reconheceu, toda a boca se lhe escancarou num riso hospitaleiro, a que faltavam dentes. Mas apenas eu lhe revelei, naquele cavalheiro de bigodes louros que descia da égua esfregando os quadris, o senhor de Tormes – o bom Melchior recuou, colhido de espanto e terror como diante de uma avantesma.



# Ivo Lapenna: O Modernizador do Movimento Esperantista

Aloísio Satorato

*Neste ano de 2009, festejamos o centenário de nascimento de Ivo Lapenna, uma das maiores figuras da história do Esperanto, fundador da moderna U.E.A. e herói em Montivideo.*

*Os leitores de La Lampiro, principalmente os mais jovens, terão a oportunidade de conhecer este brilhante esperantista, lendo a seguir o texto da palestra proferida por Aloísio Sartorato nas dependências da Cooperativa Cultural dos Esperantistas, em 03 de outubro de 2003, na qual ele descreve com rara felicidade, o papel desempenhado por Ivo Lapenna dentro do movimento esperantista.*

## Introdução

Inicialmente, caberia indagar o "porquê" deste epíteto para Ivo Lapenna: o modernizador do movimento esperantista. Antes de mais nada, é preciso reconhecer que Ivo Lapenna se constitui num marco divisório da história do movimento esperantista. Podemos dizer, sem titubear, que o movimento esperantista se constitui de dois momentos: antes e depois de Ivo Lapenna. A atuação de Ivo Lapenna no movimento esperantista internacional inicia-se logo após a 2ª Guerra Mundial e se estende até 1974, quando ocorre um evento no Congresso Universal em Hamburgo que o leva a retirar-se de cena. Nesse período, introduz inúmeras reformas e iniciativas, transformando um movimento até então de certa forma amador num movimento respeitado e reconhecido até mesmo por organismos internacionais.



D-ro Paul Neergaard (maldekstre) kaj prof. d-ro Ivo Lapenna, em 1974. Foto: *http://www.ivolapenna.org*

## Dados Biográficos

Ivo Lapenna nasceu em Split (Dalmácia, antiga Iugoslávia) em 5 de novembro de 1909. O pai, Petar, era engenheiro e professor universitário e a mãe, Amélia, pianista. Fez o ginásio clássico inicialmente em Split e posteriormente em Zagreb, onde conclui o curso com sucesso. Em seguida, ingressa na Faculdade de Direito da Universidade de Zagreb, onde se diplomou em 1932, tornando-se doutor em 31 de outubro do ano seguinte. Nesse mesmo ano, conclui a oitava série do curso médio da Academia de Música em Zagreb, na especialidade "violoncelo" e diploma-se como professor secundário de Música. Após cumprir o serviço militar obrigatório em 1933/1934, na Escola de Oficiais da Reserva em Tuzla (Bósnia), torna-se tenente da reserva. Nesse mesmo período, desenvolve a prática jurídica em tribunais e em escritórios de advocacia. Em 1938, faz o exame prático jurídico junto à Corte de Apelação de Zagreb.

Em outubro de 1941, em virtude da ocupação de Zagreb por tropas nazistas e em função de suas idéias e atividades progressistas, é obrigado a ir para a clandestinidade. Tempos depois, adere ao Movimento de Libertação Nacional e, em 1943, ao Exército de Libertação Nacional. Em 1945, após a Guerra, é desmobilizado, tornando-se oficial da reserva do Exército Iugoslavo, no posto de major. Retornando à vida civil, torna-se Chefe do Departamento de Imprensa Doméstica da Croácia e, depois, Redator do Diário Oficial da Croácia. Em seguida, docente e professor de Direito e Relações Internacionais, junto à Faculdade de Direito da Universidade de Zagreb, além de palestrante sobre História das Relações Diplomáticas e História das Doutrinas Políticas nessa mesma faculdade e sobre Relações Internacionais na Faculdade de Economia. Além disso, participa como conselheiro sobre Direito Internacional na Delegação Iugoslava junto à Conferência de Paz em Paris, em 1946. Atua, também, como advogado-conselheiro da Albânia num processo contra a Grã Bretanha junto à Corte Internacional de Haia, em 1947/1948. Em 1948, torna-se membro-correspondente da Academia Iugoslava de Ciências e Artes, em Zagreb. Participa entre 1946 e 1949 de diversas conferências jurídicas nacionais e internacionais em Belgrado, Paris, Bruxelas e na Academia Internacional de Direito em Haia.

Entretanto, a partir do fim de 1949, Lapenna deixa a Iugoslávia e passa a residir no exterior. Primeiramente, em Paris, e desde metade de 1951 em Londres, onde, posteriormente, adquire a cidadania britânica. Torna-se colaborador do Centro Nacional Francês para Pesquisas Científicas, para o qual escreve a obra "Conceitos Soviéticos de Direito Internacional Público". Em Londres, exerce vários cargos, desde 1956: pesquisador, palestrante, docente e professor sobre Direito Comparado da União Soviética e Europa Oriental na famosa *The London School of Economics and Political Science* da Universidade de Londres. Após sua aposentadoria, em outubro de 1977, recebe o título de Professor emérito dessa mesma matéria junto à Universidade de Londres. Apesar disso, a pedido das próprias autoridades universitárias, dá continuidade a seu costumeiro trabalho universitário. Em 1972, recebe da Universidade em Fort Lauderdale (Estados Unidos) o título de "Doutor Honoris Causa sobre Relações Internacionais". Participa como membro de vários institutos e sociedades jurídicas, entre os quais o importante *Institute of World Affairs*, em Londres. Em acréscimo aos seus trabalhos de ensino e pesquisa na área jurídica, lecionou, como professor visitante convidado em diversas universidades ou institutos jurídicos, a saber, Beograd, Uppsala, Stockholm, Hamburg, Koln, München, Venezia, Paris, Strasbourg, New York, Washington, Harvard, Yale, Sydney e Camberra.

Ivo Lapenna faleceu em 15 de dezembro de 1987 em Copenhagen, Dinamarca, sendo aí enterrado.

## Ivo Lapenna Esperantista

Ivo Lapenna aprendeu esperanto autodidaticamente, em 1928. Torna-se co-fundador do *Studenta Esperanto-Klubo* (posteriormente, *Akademia Esperanto-Klubo*) na Universidade de Zagreb, em 1929, sendo seu presidente até abril de 1941. É um dos fundadores do *Studenta Tutmonda Esperanto-Ligo* (STELO), durante o Congresso Universal em Budapest, em 1929, tornando-se seu presidente até o início da 2 Guerra Mundial. Torna-se presidente

da Liga Iugoslava de Esperanto entre 1937 e 1950. Diretor e Membro do Comitê da IEL - *Internacia Esperanto-Ligo* (desde 1947 UEA) entre 1938 e 1974. Secretário-Geral da UEA, de 1955-1964, presidente da UEA, de 1964-1974. Fundador, em 1957, da *Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj* e, desde então, seu presidente. Redator da revista *Internacia Jura Revuo*. Membro da Academia de Esperanto desde 1952. Fundador do *Centro de Esploro kaj Dokumentado* (CED), em 1952, tornando-se seu Diretor Honorário até 1975. Co-fundador do *Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto-Movado* (ICNEM), em 1980, tornando-se seu presidente. Membro do Comitê Redator de *Horizonto*.

## Saber Lingüístico

Passiva e ativamente: croata, esperanto, inglês, francês, italiano, alemão, russo.

Conhecimento passivo: esloveno, macedônio, búlgaro, tcheco, eslovaco, espanhol, latim e grego antigo.

**Principais Etapas na Construção do Moderno Movimento Esperantista Internacional**

- 1949: Propõe a criação e elabora os regulamentos do Internacia Somera Universitato, Belartaj Konkursoj (proposto por Reto Rossetti) e Oratoraj Konkursoj.
- 1950: Organiza o primeiro Kongresa Gazetara Servo para possibilitar contatos com o público.
- 1950/1951: realiza 300 palestras em 108 diferentes cidades de seis países da Europa Ocidental. Lança a 1ª edição do livro Retoriko.
- 1952: funda o Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED). Lança o livro Aktualaj Problemoj de la Nuntempa Internacia Vivo.
- 1952/1954: realiza grandes campanhas relacionadas com a Petição encaminhada à ONU e à UNESCO em favor do Esperanto, que culmina com a aprovação pela Assembléia Geral da UNESCO, em Montevideo, de uma Resolução em favor do Esperanto, em 10 de Dezembro de 1954, bem como o estabelecimento de relações consultivas entre a UEA e a UNESCO e tendo como conseqüência a publicação de milhares de artigos na imprensa do mundo inteiro sobre o esperanto. Lança a obra La Internacia Lingvo. * 1955: elabora um projeto de um novo e moderno estatuto para a UEA; elabora o primeiro plano básico da UEA; organiza o trabalho de informação a respeito do esperanto, com a criação de “seções especializadas sobre informação”, no âmbito da UEA e junto às associações nacionais.
- 1956: elabora os princípios básicos do documento que passou a ser conhecido como Principaro de Frostavallen, aprovado num seminário sobre informação a respeito do esperanto, após exaustivas discussões, durante vários dias, na cidade de Frostavallen.
- 1957: propõe a fundação do Koresponda Servo de UEA e do Magnetofona Servo este último proposto por R. Eichholz. Funda o Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj. * 1958: participa ativamente das comemorações do 50º Aniversário da UEA. Lança a 2ª edição de Retoriko.
- 1959: lidera as comemorações do Zamenhof-Jaro, com a realização de inúmeros eventos ligados a essa comemoração (artigos para a imprensa, palestras, etc). Organiza o imponente Memorlibro pri la Zamenhofa Jaro.

- 1960: estimula a criação de um Regulamento a respeito dos Internaciaj Ekzamenoj.
- 1961: empenha-se na transferência da UEA de Harrogate (Inglaterra) para Rotterdam, na Holanda, culminando com a aquisição de sede própria.
- 1962: elabora o segundo plano de ação da UEA
- 1963/1964: estimula a realização de importante conferência sobre ensino do esperanto, de um festival internacional artístico e do aparecimento da revista Monda Kulturo; inicia os trabalhos preparatórios do Internacia Jaro de Kunlaboro.
- 1965/1966: dedica-se à realização dos eventos ligados ao Internacia Jaro de Kunlaboro e na coleta de assinaturas em petição a favor do Esperanto entregue à Secretaria-Geral da ONU, em 6 de outubro de 1966. Lança a obra Elektitaj Paroladoj kaj Prelegoj.
- 1967/1968: trabalhos preparatórios e realização do programa Jaro de Homaj Rajtoj. Inicia a edição da prestigiosa revista La Monda Lingvo-Problemo. * 1969/1970: dedica-se à elaboração de um plano especial para o Internacia Jaro de Edukado.
- 1971: participa do Forum realizado durante o Congresso Universal de Esperanto em Londres, debatendo com representantes do British Council e Instituto Goethe. Lança a 3ª edição de Retoriko.
- 1974: publica a monumental obra Esperanto en Perspektivo: Faktoj kaj Analizoj pri la Internacia Lingvo, sendo um dos seus redatores e principal organizador. Lança a obra Por Pli Efika Informado. Retira-se da UEA. * 1975: publica a obra Hamburgo en Retrospektivo: Dokumentoj kaj Materialoj pri la Kontraŭneŭtraleca Politika Konspiro en UEA.
- 1977: aparece a 2ª edição de Hamburgo en Retrospektivo.
- 1974/1988: funda e dedica-se ao Internacia Centro de la Neŭtrala E-Movado, bem como desempenha o papel de redator principal da revista Horizonto.
- 1987: publica duas obras: Kritikaj Studoj Defende de Esperanto e Juraj Terminologiaj Problemoj kun Aparta Konsidero al Esperantlingva Jura Terminologio.

**Ao longo de sua vida**: publica cerca de 300 documentos em esperanto, em inglês, em francês e em outras línguas de sua lavra e sob o selo do Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Internacia Lingvo, além de cerca de 1500 artigos, notícias e resenhas literárias em esperanto e em diversas línguas.

Conclusão

Ivo Lapenna não só participou ativamente do Movimento Esperantista Internacional durante 40 anos (1947/1987), como legou aos samideanos do mundo inteiro um movimento respeitado e reconhecido no meio social. Sua presença foi tão marcante que, até os dias de hoje, passados 15 (1) anos após a sua morte, sente-se a sua marca no modelo legado por ele e que hoje é dirigido por muitos de seus inúmeros discípulos e admiradores e, até mesmo, por muitos de seus detratores, que reconheceram o seu mérito como o grande modernizador do movimento esperantista.



Fonte: http://www.kke.org.br/palestras/ivo_lapenna_

Nota da redação: [1] Atualmente 22 anos.

# Excelentes notícias

Após aprovação no Senado, o projeto de lei propondo o ensino facultativo do Esperanto nas escolas de ensino médio seguiu para a Câmara dos Deputados. Lá a CEC-Comissão de Educação e Cultura analisa o assunto, que tem o código PL (Projeto de Lei) 6162/2009: http://www.camara.gov.br/sileg/Prop_Detalhe.asp?id=454210

Acabou de ser nomeado o relator, deputado Neilton Mulim (Partido da República/RJ), de profissão professor de matemática e psicopedagogo, que já foi vereador em São Gonçalo-RJ, e cuja biografia (em português) pode-se ler em http://www2.camara.gov.br/internet/deputados/biodeputado/index.html?nome=NEILTON+MULIM&leg=53 Se endereço eletrônico é: dep.neiltonmulim@camara.gov.br

Mas todos os membros da comissão já podem fazer emendas ao projeto. São eles http://www2.camara.gov.br/comissoes/cec/membros

Preside a comissão a professora Maria do Rosário (PT/RS):
dep.mariadorosario@camara.gov.br

Se escreverem ao menos à presidente e ao relator, em apoio como se fez no caso dos senadores, isso será de granda ajuda.

Com um abraço agradece
James Rezende Piton
Delegado-Chefe da UEA no Brasil

*Karaj*
Do excelente Congresso Estadual de Esperanto em Bauru-SP, realizado de 10-12/10/2009 saiu a proposta firme para que a cidade de São Paulo sedie em 2011 três eventos ao mesmo tempo e no mesmo endereço:

- o 46o. Congresso Brasileiro de Esperanto (BKE), da BEL-Liga Brasileira de Esperanto,

- o 31o. Congresso da Juventude Esperantista Brasileira (BEJK), da BEJO-Brazila Esperantista Junulara Organizo

e simultaneamente

- o 8o. Congresso Panamericano de Esperanto (TAKE), da Comissão Americana da UEA-Associação Universal de Esperanto

Com isso teremos um "Congressão" internacional, com mais estrangeiros que de costume, e assim uma possibilidade maior de praticar o Esperanto com gente de outra língua materna. Coisa de 600 a 700 pessoas.

Para quem ainda está começando a aprender Esperanto, são quase dois anos para afiar a língua e curtir plenamente essa oportunidade.

Um abraço,
James Rezende Piton
UEA-Chefdelegito por Brazilo

# La montaro

*Elpreno el la romano "A Cidade e as Serras" de la portugala verkisto Eça de Queiroz*

Esperantigis:
**José Dias Pinto**
*Santo André/SP*



Kaj ni ekgrimpis la vojon kiu ne glatiĝis nek malsovaĝiĝis de la tempoj kiam tretadis ĝin, en krudaj ferumitaj ŝuegoj, trae de la rivero al la monto, la Jacintoj de la 14ª jarcento. Baldaŭ post la trairo sur tremanta ligna ponto, super rojo perturbata de ŝtonegoj, mia Princo, kun subite akrigita rigardo de proprietulo, rimarkis la fortecon kaj abundecon de la olivarboj... Kaj baldaŭ forgesiĝis niaj maloportunaĵoj antaŭ la nekomparebla beleco de tiu benata montaro.

Kiel brile kaj potencinspire ĝin aranĝis la dia artisto, kiu faras la montarojn, kaJ tiel prizorgis ilin, kaj tiel riĉe ilin dotis en tiu sia koramata Portugalio. La grandeco egalas la ĉarmon. Al la valoj, potence elformitaj, grege glitis arbaretoj tiel multbranĉaj kaj rondaj, tiel junece verdaj, kiel molglata musgo, ke oni emis fali kaj ruliĝadi. De la flankdeklivaj altaĵoj al la rokoza pado vastaj branĉaroj ŝirmkovre etendiĝas dissendante bonodorojn je la flugetado de la birdoj. Tra la jarcentaj tertenaj muroj, retumitaj de hederoj, elmergiĝas serpentumantaj dikaj radikoj je kiuj envolviĝas pliaj hederoj. En ĉiu terbulo, el ĉiu fendo, burĝonas kampaj floroj. Blankaj rokoj, sur la deklivoj, etendas la solidan nudecon de sia ventro polurita de suno kaj vento; aliaj, vestitaj de musgo kaj florumitaj heĝoj, antaŭeniĝas kiel ornamitaj pruoj de galeroj; kaj, el inter tiuj amasiĝintaj supre, iu tien grimpinta dometo, difektita kaj tordita, gvatas tra la nigraj fenestretoj, el sub la taŭzitaj verdaj elkreskaĵoj, kiujn la ventoj semis sur la tegoloj. Ĉie la akvo murmuranta, la fekundiga akvo... Vivmovaj rojetoj fuĝas ridantaj kun la rulŝtonetoj el inter la piedoj de la ĉevalino kaj la azeno; dikaj rapidfluaj rojoj brue saltas de ŝtono al ŝtono; fadenoj rektaj kaj brilaj vibras kaj sparkas de la altaĵoj al la deklivoj; kaj multe da fontoj padrande verŝas el duontubo, bonfare atendantaj homojn kaj gregojn; tuta montopinto estas fojfoje semejo kie malnova, maljuna, vasta kverko soleca regas kiel ĝia sinjoro kaj gardisto. Sur ŝtupoplatformoj verdas parfumodoraj oranĝoj. Vojoj kun liberaj ŝtonplakoj ĉirkaŭas verdajn paŝtejojn kun kapriolumantaj ŝafoj kaj bovinoj; aŭ pli mallarĝaj, intermure premataj, penetras sub densajn vitbranĉojn, en freŝa kaj ripoziga duonombro. Ni grimpis tiam iun vilaĝan stratreton, dek aŭ dekdu dometoj, kaŝitaj inter la figarboj el kie elŝiriĝas, eskapiĝe el la fajrejo, inter la senplafonaj tegoloj, la blanka kaj plaĉe pinodora fumo. Sur la foraj montoj, trasuper la meditema nigreco de la pinarbaroj, blankas preĝejetoj. La malpeza kaj pura aero eniras la animon kaj tie dissemas ĝojon kaj forton... Disa sonorileta tintado mortas tra la deklivoj...

Jacinto antaŭe, sur sia cindreca ĉevalino, murmuradis:

— Kia beleco!

Kaj mi malantaŭe, sur la azeno de Sanŝo, murmuradis:

— Kia beleco!

Freŝaj branĉoj familiare kaj karese tuŝadis niajn ŝultrojn. Malantaŭ la morusŝarĝitaj heĝoj, la pomarboj etende proponas siajn verdajn pomojn, ĉar maturajn ili ne havas. Ĉiuj vitroj de malnova domo, kun ĝia kruco sursupre, gasteme rebrilis kiam ni preterpasis. Multe da tempo merlo, de kverko al ulmo, sekvis nin kaj fajfis omaĝe al ni. Dankon, frato merlo! Pomarbaj branĉoj, dankon! Ĉitie ni venas, ĉitie ni venas! Kaj ĉiam kun vi ni restu, montaro tiel gastama, montaro de abundo kaj paco, montaro benata inter la montaroj!

Tiel, malrapide kaj ĉarmitaj, ni alvenis al tiu interfaga strato, kiu ĉiam min ravis pro sia nobela soleneco. Kun vergbato al la azeno kaj ĉevalino, nia knabo, kun sia hundo ĉe la kalkanoj, kriis: "Tie ĉi ni stas, miaj mastroj!" Kaj ĉe la fino de la fagoj ja aperas la pordego de la bieno de Tormes, kun sia blazono el jarcenta granito, kiun la musko penikumis kaj aspektigas ankoraŭ pli malnova. Interne la hundoj jam bojis furioze. Kaj kiam Jacinto, sur sia priŝvitita ĉevalino, kaj mi malantaŭe, sur la azeno de Sanĉo, transpasis la nobelecan enirejon, malsupreniris al ni, de la tegmentita perono kaj ŝtona erodita ŝtuparo, grase brilvizaĝa viro, raspita kiel pastro, sen veŝto, sen jaketo, sereniganta la hundojn, kiuj furioze minacas mian Princon. Estis Melkioro, la domzorganto... En la postrekona momento plene malfermiĝis la buŝo kun gastama rido je kiu mankis dentoj. Sed tuj kiam mi rekonigis al li, en tiu ĝentlemano kun blondaj lipharoj, kiu malsupreniĝis de la ĉevalino frotante la koksojn, la sinjoron de Tormes – la bona Melkioro retropaŝis, kaptita de surprizego kaj timo, kvazaŭ antaŭ fantomo.



*(Komparu la tradukon kun la originala teksto sur la p. 2 de la kajero Movimento.)*

## TAGON POST TAGO MI RENASKIĜAS

**(Adriana Pavani**
Barra Bonita/SP)

Tagon post tago, mi renaskiĝas
Kaj ĉiutage plene mi vivas.
Ĉe sunleviĝo, mi gardas freŝan
/ ĝojon
De infano iom petolema.
Tagmeze,
Mi estas juna adoleskanto,
Plena je konfliktoj kaj kun
/ kor´flama,
Soifanta por ĉion solvi,
Kaj konvinki ĉiujn samtempe.
Poste, mi estas matura,
Decidpreta pri ĉio vidata.
Sinteno tiel atentotira,
Kaj mi eĉ ne konscias pri la tagfino
Kaj mi maljuniĝas.
Nokte, mi jam maljunas,
Senfortigita pro la labortago.
Kun la sento, ke mi tutan vivon
/ konsumis.
Kaj la dormo alvenas kiel alvenus la
/ morto.
Kelkfoje, subkaŝa,
Alifoje, lastema.
Endorme mi kvazaŭ mortas...
Sed la morton mi ne timas.
Eĉ se mi ja mortos,
La vivo daŭros...
Matene, mi renaskiĝas.
Kaj mi vivas novan vivon.

# Rememoroj



**Neide Barros Rêgo**
*Niterói/RJ*

Vizitante la anguletojn de mia memoro, mi trovas restaĵojn de mia infanaĝo, kelkajn el ili rilatajn al miaj gepatroj.

Mi fieras pro mia naskiĝo en la malgranda urbo São Tomás de Aquino, ŝtato Minoj, kie mi restis ĝis mia 12-jariĝo.

Ordinare, en internlandaj urboj, homoj fuŝe parolas. Paĉjo ĉiam insistis, ke ni ĝuste prononcu la vortojn, kaj li korektis nin, kiam ni malobeis. Ni devus elparoli la vortojn ĝisfine. Ni devis klare prononci la finaĵojn "s" kaj "r", kaj neniam diri "ocê", "nós vai", "nós vem", "nós foi", "cê qué"...

Li pretigis lernantojn por la enirekzamenoj de la gimnaziaj kursoj de la najbaraj urboj, kie miaj plej aĝaj gefratoj studis. En nia "Grupo Escolar Olegário Maciel", oni instruis nur ĝis la 4-a jaro de la elementa lernejo. Ni studis geografion per la mondmapo. Ni sciis parkere la nomojn de landoj, ĉefurboj, riveroj, maroj, montaroj, vulkanoj. Ni konis Brazilon de nordo ĝis sudo, ĉion parkere, inkluzive la historiajn datojn kaj la aritmetikan tabelon, pri kiuj paĉjo ŝategis pridemandi nin.

Ni ĉiam ricevis la plej altajn notojn. En la fino de la unuagrada kurso mia ĝemela fratino Nilde estis elektita oratorino. La festo okazis en la sola klubo de la urbeto. Mi ankoraŭ memoras la komencon de la parolado (verkita de nia instruistino "Dona Amelinha"). Ĝi komenciĝis tiel:

"Suprenigite al la alteco de ĉi tiu solenaĵo, mi fariĝas samtempe konfuza kaj fiera, ĉar mi povas direkti al vi miajn vortojn de respekto, danko kaj omaĝo."

Imagu dekjaraĝan knabinon emfaze dirantan tiajn vortojn!

Nia patro studis en seminario, kaj tie akiris multajn konojn. Li bone parolis kaj ĝis sia forpaso, sepdeknaŭ-jaraĝe, li havis bonan memorkapablon kaj cearaan prononcmanieron. El Guerra Junqueiro li deklamis parkere la poemojn "La Larmo" kaj "La Merlo", kaj aliajn ankaŭ longajn.

Li alvenis al tiu urbeto por instrui en la Rezerva Militlernejo. Li tie ekkonis la belan unue naskitan filinon de familio Martini, mia patrino, kiu ankaŭ havis bonan vortprovizon, akiritan per la legado de romanoj. Ili geedziĝis en 1929. Interese estas rememori, ke liaj bofratinoj sin direktis al li ne per "vi", sed per "sinjoro".

En la jardeko 1950, ni transloĝiĝis al Niterojo. Kelkajn jarojn poste, ni celebris ĉi tie per belega festo ilian oran jubileon. Li, en radseĝo, sed tre feliĉa.

Kiam li estis juna, lin trafis grava kronika malsano, akirita dum militaj ekzercadoj. Okaze de krizoj li suferis terurajn dolorojn. Mi ne povas forgesi nian aflikton, kiam ni aŭdis liajn ĝemojn kaj kriojn, precipe nokte.

Por mildigi la dolorojn, kiujn li nomis "pikdoloroj", li submetis sin al kurac-metodo konsistanta el surmeto sur la haŭto de la kruro de speco de cigaroj el tuko, kiujn li

mem ekflamigis, kaj kiuj brulis malrapide, produktante vundojn, kiuj pusis dum iom da tempo.

Apud li, panjo neniam plendis. Ni diradis, ke ŝi — tiom trankvila, humila kaj sindediĉa al la familio — estis "la patrino de la pacienco".

Kiam paĉjo pli bone fartis, li fajfis kaj kantis kanzonojn, kiel "Sertaneja", "Chuá, Chuá" kaj "Luar do Sertão", dum li prizorgis la legomĝardenon kun bedoj verdaj pro laktuko, brasiko kaj aliaj folilegomoj, aldone al maizo kaj manioko.

Konata per la alnomo "Tenente", li estis konsiderata unu el la plej kleraj eminentuloj de la urbeto. De la simplaj homoj al la urbestro kaj al la juĝisto, ĉiuj ŝatis babili kun li, kiu preskaŭ ne eliris el la hejmo.

Pro lia frua emeritiĝo en la Armeo, kun naŭ gefiloj (Nildo, Nídio, Nêdra, Nilce, Nilde, Neide, Nilo, Nara kaj Naida), ni vivis en malfacilaj cirkonstancoj. Ni helpis panjon en la hejmaj aferoj kaj ŝi kudris por la tuta familio. Paĉjo fabrikis por ni rimenŝuojn kun plandumo el pneŭmatiko — kiuj nun ŝajnas al mi esti pioniroj de la nunaj zorioj aŭ orientaj sandaloj; li trinkadis multe da kafo kaj preparis siajn pajlajn cigaredojn kun rultabako.

Miajn unuajn vortojn en la franca lingvo mi lernis de li: "Dieu dans la nature" (Dio en la naturo). Tio estis la nomo de libro de Camille Flammarion. De paĉjo venis nia religieco. Li fondis la Spiritisman Domon Otília Amaral, kaj estis ĝia unua prezidanto. Mi memoras kelkajn frazojn skribitajn sur ĝiaj muroj kun pergamenaj bildoj: «For de la Karitato ne estas savo», «Mi estas la Vojo, la Vero kaj la Vivo».

Ni neniam estis batataj de la gepatroj aŭ kverelis inter ni. Mi ne memoras kisojn kaj brakumojn, sed estis respekto, disciplino, edukado. Ankaŭ ne mankis al ni morala kaj civitana sento.

Ĉar paĉjo estis malsanulo kaj panjo ne laboris eksterhejme, ni ĉiam kalkulis pri ili hejme. Francisco das Chagas Barros kaj Wanda Páschoa Martini de Barros estis niaj geinstruistoj, niaj geinstigantoj, niaj gekonsilantoj, nia rifuĝejo.

Ili lasis fundajn markojn en nia infanaĝo kaj nun estas grava parto de miaj rememoroj kaj resopiro.



*Daŭrigo de la paĝo 7 (La nova modo: ujo)*

Camacho k.a. Federazione Esperantista Italiana, Milano, 2007. Prezo: €10.50 ĉe la libroservo de UEA.

La libro estas ankaŭ legebla kaj elŝutebla ĉe: http://www.bonalingvo.it/index.php/Rusoj_loĝas_en_Rusujo,_Landnomoj_en_Esperanto.

*Konciza klarigo pri la landonomoj en Esperanto: kun kompleta listo de landoj kaj landanoj*. Anna Löwenstein. Palestrina, 2009. Prezo: €0,90 ĉe la libroservo de UEA.

La libro estas ankaŭ legebla kaj elŝutebla ĉe: http://www.bonalingvo.it/docs/klarigoprilandonomoj.pdf.

*La landonomoj – pli simplaj ol vi supozas!* 37-minuta parolado de Anna Löwenstein spektebla ĉe: http://www.ipernity.com/doc/29075/5145769 kaj ĉe: http://www.vimeo.com/5030540.

# Ili preskaŭ ekloĝis en Brazilo

**Tõno del Barrio**
*Alcorcón - Hispanujo*

Antaŭ kelkaj monatoj aperis en Barcelono la reeldono de membiografio de kudristino. Povas aspekti strange ke modesta virino mortinta antaŭnelonge meritas eldonadon de siaj travivaĵoj, eĉ trifoje: ili aperis antaŭ kelkaj jaroj en la kataluna lingvo kaj nun denove, duversie, en la hispana kaj la kataluna, kun nur malgranda editorado kaj ŝanĝo de titolo. La ekspliko troviĝas en ŝia ***vivitinero***: ŝi travivis kun pasio la epokon de la hispania respubliko, la intercivitanan militon la ekzilon al Francio, la elmigradon al Germanio dum la mondmilito, kaj finfine la rifuĝon en Sudameriko.




Ŝia nomo estis Otília Castellví, kaj la libro titoliĝas "De la ĉokejoj de Barcelono al la nazia Germanio" [noto piedpaĝe: ĉekao aŭ ĉoko, ĉar ambaŭmaniere mi trovis la vorton, estas la nomo ricevita de la unua sekreta polico en Sovetio, kaj oni uzis tiun vorton checa* aŭ cheka* por nomi la sekretajn neleĝajn prizonojn en la respublikana flanko dum la hispania milito]. Ĝi donas tre interesan superrigardon super la okazaĵoj vidataj de homo en la bazo de la socio, interesiĝanta aktive pri la sociaj problemoj, sed sen postenoj kaj gvidado. Ŝi estis membro de partio en kiu la proporcio de esperantistoj estis notinde alta. Temas pri la t.n. Laborista Partio de Marksista Unuiĝo, kiu estas internacie konata sub la siglo POUM. Ĝi estis la partio, aktiva preskaŭ nur en Katalunio, kiun helpis famigi George Orwell, kaj ĝi estis neortodokse komunista, kun iomaj rilatoj al Trockij. Tial ĝi estis persekutata de stalinistoj, kiuj i.a. mortigis la gvidanton Andreu Nin, mem esperantisto: jen la ekspliko pri la titolo.

Mi volas atentigi pri la libro en tiu ĉi gazeto pro tre atentinda informo kiu aperas en ĝi, kaj pri kiu esperantistoj, kaj specife brazilaj esperantistoj povas trovi intereson.

Otília mem scipovis Esperanton. Ŝi mem estis ne tre aktiva esperantisto, sed ja aktiva kaj fervora estis ŝia vivkunulo, Lino (aŭ Linus) Moulines, ankaŭ membro de la sama partio, kun kiu ŝi edziĝis dum la ekzilo. Tiu aktivado aperas menciata en la postparolo verkita de ilia unusola filo, nun profesoro pri filozofio en Munkeno (Germanio), kiu poste konfirmis al mi ke li klare memoras sian ĉeeston akompanante, ankoraŭ infano, la paĉjon en diversaj esperantistaj kongresoj kaj aranĝoj.

Sed la ĉefa mencio pri Esperanto aperas antaŭe, en la membiografio mem, konekse kun ilia vagado. Kiel mi diris antaŭe, post la fino de la mondmilito ili serĉis lokon por rifuĝi. Reveno Hispanien estus danĝera, kaj ili ne volis resti en Francio, kie ili ne sentis sin bone traktataj, kaj do ili decidis vojaĝi

al Sudameriko. Ili trovis ŝancon ekloĝi en Venezuelo, kaj sukcesis trovi ŝipon por la vojaĝo. Tiu ĉi tamen devis lasi ilin en Rio-de-Ĵanejro, kie provizore ricevis ilin komitato de helpo al rifuĝintoj, kiuj "dorlotis nin kvazaŭ princojn", laŭ ŝiaj vortoj.

Kaj poste ŝi daŭrigas (mi citas ekstense, ĉar la paragrafo tion meritas):

*«Ĉar Linus estis ĉiam fervora esperantisto, li serĉis la amantojn de tiu internacia lingvo en Rio, kiuj baldaŭ ektraktis nin entuziasme. La plej intelekta grupo el ĉiuj, kaj speciale la verkisto Roberto das Neves, tiom atentis nin ke ni sentis honton ĉar ni ne sciis kiel kompensi ilin. Ili insistis ke ni restu loĝi en Rio-de-Ĵanejro, kaj ili promesis ke ili aranĝos nian situacion, ĉar kelkaj pli bone faros pro siaj rilatoj kun la registaro. La ideo tentis nin, ĉefe ĉar ĝi reprezentis la koran amikecon de la esperantistoj. Sed aliflanke ĉiuj diris al ni ke en Venezuelo la ekonomia afero estas pli promesplena. Krome la klimato de Brazilo estis martiraĵo por Linus, ĉar li ne eltenis la varmon. Tio aspektis plenaktivan forĝejon. Linus, kiel la plimulto, estis ĉiam trempita en ŝvito pro la humideco (...) kaj ankaŭ al mi ne plaĉis la perspektivo loĝi en tiu eterna troa somero. Tial ĉi, kaj ankaŭ ĉar ni emis vidi aliajn lokojn, kaj oni pagis nian vojaĝon, ni decidis lasi nin transporti al Venezuelo. (...)*

*Kiam ni adiaŭis niajn amikojn esperantistajn, la virinoj de la grupo estis kune kolektintaj valizon plenan da vestaĵoj por la bebo je kiu mi gravedis. Ili havigis al mi tiun donacon (kiu cetere treege servis min) tiel bonvole kaj elkore ke mi emociiĝis kaj restis tre danka. Kaj ni ĉefe bedaŭris lasi Rion pro tiu bonega grupo da personoj.»*

Ili do translokiĝis en Venezuelon, kie ili iom suferis ĉe la komenco, tiel ke ili preskaŭ pentis ne esti restintaj en Rio, sed finfine trovis bonan vivmanieron kaj progresis. Lino Moulines reprenis sian esperantistan aktivadon en Karakaso, kaj fariĝis unu el la motoroj de la tiea movado, dum Otília dediĉis sin ĉefe al la zorgado pri la bebo kaj la hejmo, kaj malpliigis sian socian aktivadon. Post kelkaj jaroj ili revenis en Katalunion, kie ili ambaŭ forpasis en la jaro 2000.

Probable plimulto de la brazilaj samideanoj kiuj tiel helpis la paron ne plu sciis pri ilia sorto, kaj pri la danko kiun ili sentis, kaj kiun ili verŝos skribe en libro eldonota multajn jarojn poste. Sed mi ne povis rezisti la emon tion rakonti al iliaj posteuloj, ĉar estas bone scii ke estas okazoj, kaj tiu estas unu el ili, kiam ni ja povas fieri esti esperantistoj.

* Rimarko de la aŭtoro

Checa aŭ cheka (elparolu ĉeka) hispanlingvaj vortoj). Eblaj nomoj por ili en Esperanto estas ĉekao aŭ ĉokejo.



# Rememoroj kaj malkovroj



**José Dias Pinto**
*Santo André/SP*

La urbeto, kiun ili privivis, estas jam ne plu la sama. Sur la kampoj, tiel proksimaj al la malgranda iama centro ke rapide kaj facile oni povis atingi ilin piede, estas nun loĝejaj kvartaloj, kelkaj kun pluretaĝaj domblokoj, kun komercejoj kaj servprovizaj entreprenoj, aliaj kun teretaĝaj pli aŭ malpli luksaj domoj, eĉ vilaoj.

Ilia bieneto estis jam antaŭlonge duonigita por cedi trapason al avenuo kaj spacon por placeto. Parceloj estis venditaj al nefamilianoj, kiuj tie konstruis siajn domojn.

Nun de tie, la loko en kiu ili konversaciis, la pli alta en la iama proprietaĵo, oni ne plu vidas la antaŭe ĉirkaŭantajn vinberajn kaj cerealplantejojn, la pinarbarojn. Same pri la fruktarboj provizantaj olivojn, pirojn, pomojn, persikojn, figojn. Forestas ankaŭ la abeluoj kaj la kolombejo.

Tra la spacoj inter la domoj oni povis vidi la valon, ankaŭ ĝi parte ne plu la sama. Rande de la valo kaj rivero, en la lokoj iom pli altaj, imunaj je la fojfojaj vintraj inundoj, kiuj, pro la postlasitaj sedimentoj, igis la teron pli produktiva, oni konstruis domojn, ĉefe komercejojn, eĉ imponan multfakan sportejon kaj parkon. En tiu rivero ili ambaŭ lernis naĝi en akvo tiel pura, ke oni povis plonĝe preni kupran moneron el sur la fundo.

La valo, etendiĝanta de okcidenta montara bazo, ĉe natura ŝirmejo, ĝis sep kilometrojn oriente, estis "ĝi tuta riĉa verdaĵtapiŝo, borderita de montetoj kaj vitejoj, multloke ornamita per malnovaj alnoj kaj fraksenoj ŝirmantaj noriojn, tie dissemitajn kvazaŭ malnovaj bibliaj elŝiraĵoj", kiel pri ĝi diris loka poeto. La diversnuancaj verdoj montris la limojn inter la parceloj, malsamtempe prisemitaj, ateste al la neekzisto de feŭdecaj grandbienoj kaj garantio pri la demokrata divido de la tero de la plej ebena kaj plej produktiva areo de la municipo.

Pluraj loĝdomoj proksimaj al la bieneto, kaj ankaŭ la ĝia, havis antaŭ si rektangulan laŭbon por vinberplantoj. Somere ili ombre protektis kontraŭ la suno kaj aŭtune provizis bongustajn berojn, kiujn tamen malmulte oni manĝis por ne redukti la produktadon de vino.

Malgraŭ la unugeneracia aĝodiferenco, ambaŭ trovis en siaj memorarkivoj komunajn interesojn, homojn, etosojn, eventojn kaj lokojn de tiu tiam tre malrapide evoluanta urbeto. Kvazaŭ pruve al tiu iama paca ritmo de la tiea vivo, iu el ili parolis pri parenco elmigrinta al fora lando, kie li vivis dek jarojn, kaj trovis, ĉe la reveno, la samajn najbarojn, cirkonstancojn, eĉ la samajn klaĉojn karakterizajn de malgrandaj loĝlokoj, kie ĉiu konas ĉiun.

Pro denova mencio pri la vinberplantaj laŭboj kaj ilia protekta uzeblo, la pli juna el la du viroj aŭ, pli ĝuste, la malpli maljuna, milde ridetis kaj diris ion pri aldonaj nesupozataj protektokapabloj de tiaj aranĝoj. Petite de la pli maljuna klarigi

la subrideton kaj la kunan komenton, la alia diris ion pri tio ke, ĉe duetaĝaj domoj, superlaŭba fenestro povas funkcii kiel oportuna forfuĝejo, se suspektema edzo revenas hejmen je nekutima horo.

Jam parolantaj pri amaventuroj, ili interŝanĝis plurajn konfidencojn tiukampajn kaj ambaŭ saŭdade parolis pri siaj sentoj kaj reagoj antaŭ la belseksulinoj. Laŭ la pli juna la alia jam de jardekoj saŭdade veas pri la fora dekokjaraĝo. Ĉe la preterpaso de juna, preferinde diketa, sed kun strategie distribuitaj rondaĵoj, oni povis tiam aŭdi de li: Ho! ve! Kiel foras miaj dekokjaroj!

Tio revenigis ilin al la afero pri la forfuĝeja rolo de laŭboj kaj la pli maljuna rakontis, ke iam, ne kiel kokrita edzo, sed kiel perfidita amanto, li bedaŭris, ke tiel efike funkciis difinita laŭbo.

Li estis enŝteliĝonta en korton de familia domo, kun la intenco prudente, senbrue kaj laŭ jam konata vojo, aliri la ĉambron de fraŭlino malavara kaj malavare dotita per allogaj kurvliniaĵoj. Surprizite li haltis. Malfermiĝis la fenestro de la celata ĉambro kaj iu forlasis ĝin kaj uzis la laŭbon por senvunde alteriĝi. Tuj poste viro aperis sur la kortmuro, saltis al la strato kaj rapide moviĝis en la kontraŭa direkto. Nia rakontanto senhezite postkuris lin, sed la alia, avertite de la bruo, komencis rapide kuri. Ĉar la distanco inter ambaŭ ekkreskis, la persekutanto pafis per revolvero, unue aeren kaj poste en la direkto de la atencinto al "privata proprieto". La pafado kaj persekutado ĉesiĝis kiam ne plu estis kugloj en la revolvero.

La alia parolanto pli kaj pli streĉe atentis pri la rakontado kaj, kiam la rakontanto eksilentis, venis la protesta eksklamacio:

Do estis vi, patro! Vi povus esti mortiginta min.

Tiama spionema kaj klaĉema najbarino, orgasmeske ĝuanta ĉian priprumitan vivdetalon de amikoj kaj najbaroj — se ŝi scius tion — solene verdiktus pri la afero: Kia patro tia filo.



## LA KORPO PAROLAS

**Nia korpo parolas per la gestoj**
**per l' okuloj, per brakoj, per la manoj**
**per l' epidermo, per kolor' de la vestoj**
**per la sango kaj per la seksorganoj...**

**Parolas la hararo, la skeleto,**
**ĉiu osto, batado de la koro;**
**parolas ĝi per lakso, diabeto,**
**per kuraĝo, per timo kaj pudoro...**

**Buŝo parolas silente, ĉar homo**
**estas iel interna poligloto,**
**posedanto de pura idiomo**
**aŭ kodo de spirita sacerdoto.**

**La homa korpo estas katedralo,**
**oceano aŭ laboratorio;**
**kelkfoje estas ĝi ia cimbalo...**
**nia korpo, la ĉefverko de Dio!**

**JORGE DAS NEVES poeta@infolink.com.br http://georgapoemo.blogspot.com**

# Zamenhofa Tago





la 19an de decembro

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

# Congressão 2011

São Paulo sediará, em 2011, três eventos esperantistas, um deles inclusive internacional, ao mesmo tempo e no mesmo endereço.

**Prepare-se: aprenda o Esperanto!**



***Mão***, escultura de Oscar Niemeyer exposta no Memorial da América Latina.